# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**auto 8/09/2013 Cent dudek naŭa eldono 8/09/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu. Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »

### la rapideco de la homoj Elsendo de la 29a Aŭgusto 2013



Kurioza esploro de usona psikologo en Kalifornio mezuris la rapidecon, laŭ kiu ordinaraj homoj piediras distancon de 18 metroj en 31 urboj tra la tuta mondo. Japanoj estis la plej rapidaj; brazilanoj okupis la 28-an pozicion. ktp Ktp

Tiaj observoj koncernas la pli kaj pli rapidan vivoritmon de la moderna homo.

Dum jarmiloj la homaro ne zorgis pri mezurado de tempo. ktp ktp

Kion fari, se la vivo iras ĉiam pli rapide, pli rapide?

Malfacile estas respondi, sed por komenci oni devus ŝanĝi la demandon.

Anstataŭ: "Kion mi faros nun?", oni devus demandi: "Kion mi faras el mia vivo?" (**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

## elkorajn dankojn



"Roĝer, Nicole kaj la kontribuantaro al AE 128: elkorajn dankojn pro ankoraŭ foje belega eldono, kiaj estas ĉiuj el ili.

Nicole, mi tre ŝatis ankaŭ vian artikolon kaj belegajn fotojn en AE 124, pri la UK kaj cetere. La okultrompa pentraĵo sur la domomuro memorigis min pri simila kiun mi vidis en Quebec City, Kanado. Sendube franca specialaĵo?

Kaj fine, espereble la varbado per interreto ankaŭ sukcesas en nia lando. Ĉu iu povas jesi aŭ nei tion?

Bondezirojn al ĉiuj, kaj aparte al tiuj el vi kiuj klopodas tiom senĉese por nia lingvo. Vera"

## Inocento Sereshev



Ĉu vi jam aŭdis pri li? Li loĝis en Sidnejo de 1926 ĝis 1976. Jen informoj kiujn mi trovis sur la reto. Sendis Nicole

Li naskiĝis la 28an de Aŭgusto 1883. Li fariĝis pastro en 1906. Li estis esperantisto de 1910. Li estis unu el la pioniroj de Esperanto en Siberio. En 1910 li faris kune kun sia fratino rondvojaĝon tra 13 landoj de Eŭropo per Esperanto. Ĉiam, ĉie li propagandis Esperanton per multaj paroladoj, artikoloj, propaganda broŝuroj kaj kursoj. Ĉiuj familianoj estis Esperantistoj. Li aperigis 250 paĝan verkon pri Siberio en 1914 (originalaj kaj tradukitaj verkaĵoj).

Oriento: tute unika revuo, kiu celis konatigi la historian, etnografion, literaturon, ktp de la orientaj landoj. Redaktis Inocento Serišev en Ĥarbin. La unua numero eliris en Julio 1925 kun 114p kaj 33 bildoj, la 2a kaj lasta enhavis 96p kaj 28 bildojn (Vikipedio).

Frazoj kiujn mi kopiis el la reto. Tiuj citaĵoj estis en la angla. Mi do ne tradukis.

"It was only due to Fr Innokenti's knowledge of Esperanto that he was able to find a Japanese kindred soul who organised a visa for the Sereshevs to migrate to Japan. After 2 years in Japan as refugees the Sereshevs decided to move to Harbin in Manchuria. To supplement his income, he also taught Esperanto for a time at the

Peking College where he began publishing, in that language, a richly illustrated journal called Oriento and much of his time was taken up with Esperanto correspondence around the world. It was while corresponding with a group of Esperanto devotees in Australia that Sereshev decided to migrate south. However, owing to lack of funds, he travelled to Sydney alone and promised to send for his wife and son Michael when he had earned enough for their passage. Upon arrival in January 1926, Sereshev was helped by the Esperanto Society to find lodgings and work in a hotel. Some 6 months later he had saved enough to bring his wife and son to Sydney.

The 1926 arrival in Sydney of Father Innokenti Sereshev did little to change the attitude of his rather secular flock. Upon arriving from China in 1926 Fr Sereshev worked for a time in a hotel. He was fluent in Russian, English, Greek and Arabic and occasioned widespread astonishment by his command of Esperanto. He was a member of an international Esperanto organisation and even published a journal in that language. However the community generally regarded Fr Innokenti as an eccentric. A. I. Kudrin recalled that he was "a real character. Once, during Easter services he read the Gospel in Russian and Esperanto. Well that did cause a commotion!" Sereshev never lost his enthusiasm for Esperanto and conducted a large correspondence in the language across the globe. Father Sereshev was not in conflict with Holy Tradition, what scandalised his parishioners was the use of Esperanto. In 1933 Father Innokenti relinquished all his ties to the Russian community and went into semi-retirement. Several Russian language journals were published in Sydney by Father Sereshev who established Sydney's first Russian printing house, Oriento, in 1937. He died in Sydney on 23 August 1976 at the age of 93 years. At the end of his life his brilliant mind disintegrated



into dementia."

Kara Roger,

Mi ricevis mesaĝon de la nepo de Sereŝev. Li havas tre malnovajn kulerojn (vidu foton) kiujn li ŝatus vendi (arĝentkovritaj kaj eble de 1930).
Amike, Nicole

---

Karaj,
Por tiuj kiuj ankoraŭ pensas, ke la angla lingvo estas relative facile lernebla.
https://www.youtube.com/watch?v=y51qdpA0WoA
Amike, Nicole

---

Mi aĉetis novan komputilon kaj ĝi uzas vindozon 8. Nun por tajpi la Esperantajn specialajn literojn, kion mi devas fari? Uzi 'tajpi' anstataŭ 'EK' ?
Roger Springer

---

# Pri Jonathan Moylan




Supre la dua persono de maldekstre estas Terry Manley, kiu estis en Sidnejo la 3an de Septembro por subteni Jonathan Moylan, kiu devis iri al tribunalo.
Amike, Nicole

# LA VIDPUNKTOJ KAJ AGADO PRISKRIBITAJ ESTAS MIAJ PRIVATAJ KAJ NE APARTENAS AL TIU ĈI NOVAĴLETERO

**Terry Manley**

SIDNEJO 4AN DE SEPTEMBRO 2013
Elirante la trajnon ĉe Muzea Stacidomo mi devis mense rearanĝi la planojn. Mi atendis eliri ĉe la Urbodoma Stacidomo kaj laŭiri Liverpool Straton ĝis la Downing Kortumo sed la trajno iris kontraŭdirekten al mia atendata plano. Feliĉe, la kortumo estas diagonale kontraŭ Muzea Stacidomo kaj tial tre proksima al mia eliro.

Memoro pri alveno al la kortumo antaŭ dek ok jaroj revenis. Mi kaj mia partnero Helen alvenis kun aro de aliaj 'arbobrakumantoj' por juĝo pri nia agado kontraŭ ŝosekonstruista firmao. Estis artikolo en la ŝtata E-bulteno "Telopeo" tiutempe sub la titolo "Prezidanto Arestita". Tiam mi estis prezidanto de la Sidneja Esperanto-Societo.

Ĉifoje mi alvenis por la proceso kontraŭ Jonathan Moylan. Mi staris kun cento da aliaj subtenantoj liaj kaj ĉiuj el ni portis afiŝon "MI STARAS KUN JONATHAN MOYLAN". La afero estis antaŭproceso kie la ASIC-a (Aŭstralia Sekuriga kaj Esplora Komisiono) persekutisto rekomendis la proceson al la Aŭstralia Supera (plej alta) Kortumo. Kutime tiu kortumo traktas kazojn de murdistoj kaj ŝtatperfiduloj. Iom severa kaj nekutima rekomendo de ASIC.

Se vi ne sekvis la kazon pri Jonathan, li kopiis retpaĝon de banko kaj sendis al ĵurnalistoj novaĵon, ke la banko forprenos oferton de monprunto al Whitehaven Coal (Karbomina Firmao) por karbominego en farmbiena kaj arbara regiono de NSK. La ĵurnalistoj ne zorge kontrolis la fonton de tiu informo kaj publikigis ĝin. Rezulte la borsa valoro de Whitehaven falis dum mallonga tempo.

Oni povus diskuti pri la justeco de tiu agado sed la celo por Jonathan estis prokrastigi la minadon por protekti la lokanojn –bienistojn kiuj suferas la senvalorigon de ties terpecoj. Ankaŭ li agis por kontraŭi la uzon de karbo kiel energifonto. En Aŭstralio, nun, tiu minado ampleksiĝas rapide kaj grandege. Kontraktoj inter firmaoj kaj eksterlandaj aĉetantoj (noteble Ĉinio) estas longdaŭraj kaj grandegaj. Ankaŭ karbogason oni vendas en grandaj kvantoj. Naciaj kaj ŝtataj registaroj mongajnas. Sed lokanoj, riveroj, subgrundaj akvofontoj, arbaroj, bestoj, la medio kaj la aero -suferas. La agado de Jonathan povas esti neleĝa sed li tiom forte sentas, ke li faris agon de civitana

malobeemo.
Ĉu ni alvenis al epoko kiam “La leĝo estas nemorala kaj la moralo estas neleĝa.”? Aŭ ĉu tio estas ripetiĝo de antaŭaj mallumaj periodoj?

Jonathan ankoraŭ deziras aktivi en Esperantujo kaj pripensas renovigon de konversacio grupo en Nov-kastelo.

# Franciska kaj poemo

https://www.youtube.com/watch?v=r83HRiiZDqc&feature=c4-overview-vl&list=PLsqZP_YrrCROWq0JZTwK6HBywVcvnYOU2 **publikigita la 3an de Sep, 2013**

Franciska Toubale deklamas la poemon "Mi estas ankoraŭ infano" de la bulgara esperanta poeto Venelin Mitev, kadre de la spektaklo "Vivu la teatro", organizita de Miguel Fernández, en la 86a SAT-Kongreso, okazinta en Madrido de la 28a de julio ĝis la 4a de aŭgusto 2013. Prezentas ŝin Ana Manero.

Bonega ludo por diveni pri kiu lingvo temas. La registraĵoj estas prenitaj de la aŭstralia televid- kaj radi- stacio SBS trovis Nicole
http://greatlanguagegame.com



## Esperanto-Domo Sidnejo

**22an de Septembro 2013** okazos la **Jarkunveno** je 11atm.
Poste amuzkunveno kun manĝetoj.
EFNSK kunvenos la **22**an Sept, la **27**an Okt, kaj **1an** Dec 2013.
Zamenhofa Festivalo **15**an de Decembro. Ĉiuj estos bonvenaj
Notu, la datoj ŝanĝiĝis (ĉar Roger Springer ferios en Ĉinio)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.
**Ĉu via grupo kunvenis?** Aktualan informon, mi enmetos en AE

Hodiaŭ mi ricevis la Zagreban Esperantiston 2/2013. Enestas 4 paĝa artikolo pri John Matasin. Kaj tio estas nur la unua parto de la artikolo de Josip Pleadin. Mi skanis la unuan paĝon sur kiu estas foto de Matasin kun Volo Gueltling (iomete pli juna ol li estas nun!). Amike, Nicole

Historie

# ESPLORE PRI AŬSTRALIA ESPERANTISTO JOHN MATASIN

*Josip Pleadin*

La vivhistorio de aŭstralia esperantisto **John Matasin** dum longa tempo restis nesufiĉe konata, kvankam temis pri unu el la plej aktivaj aŭstraliaj esperantistoj dum pli ol duonjarcento. Mi konis la nomon jam delonge, sed ĉiam lasadis pli profundan esploradon por pli konvena tempo. Eble tiu tempo neniam venus, se ne okazintus mia konatiĝo kun la sidneja esperantistino **Nicole Else**. Per niaj komunaj klopodoj, rezultis tiu ĉi artikolo.



***John Matasin (maldekstre) dum la geedziĝfesto de sia Esperanta amiko Wolo Gueltling***



***Unu el malmultaj portretoj de John Matasin***

## LA NASKIĜLOKO KAJ LA FAMILIO

Laŭ neprecizaj informoj **John Matasin (=Johano Matasin)** devenas el proksimeco de Zagrebo (Kroatio), sed la unuan pli precizan difinon de tiu "proksimeco de Zagrebo" donis la nekrologo en "The Australian Esperantist" (septembro 1980, paĝoj 311-312). Tie la loko de lia naskiĝo estis precizigita kiel vilaĝo ***"Ruškovac apud Zagreb (Jugoslavio)"***. Tiu eta informo sufiĉis por ke mi serĉu per Google-mapoj la menciitan vilaĝon, kaj mi trovis ĝin 40 kilometrojn sudoriente de Bjelovar en Kroatio.




***La vojo al Ruškovac, fotita somere de 2011***

Do, la informo ke li naskiĝis "apud Zagrebo" estas malĝusta kaj nepreciza.

La vilaĝo troviĝas nur 65 kilometrojn for de mia hejmo, kaj mi decidis viziti ĝin. Laŭ la censo plej proksima al la dato de la naskiĝo de **John Matasin**, la vilaĝo Ruškovac havis nur 500 loĝantojn. Dum mia vizito mi konstatis, ke el antaŭaj 150 domoj, nun estas loĝataj nur malpli ol 30. Temas pri maljunaj homoj, kaj certe post 10-20 jaroj tiu vilaĝo ne plu ekzistos. Mi trovis maljunulon **Marko Modrić** kiu konis la familion **Matasin**, kaj li montris al mi la kadukan domon en kiu **John** kaj liaj gefratoj naskiĝis.

Kvankam la gefratoj de **John** formigris el la vilaĝo, ankaŭ nuntempe la familia nomo **Matašin** estas relative ofte trovebla en tiu regiono.

Antaŭ ol entrepreni la viziton al Ruškovac, mi informiĝis

50 *Zagreba Esperantisto*

Mi pensas, ke enestas erareto. La foto de John Matasin kaj Volo Gueltling ja estis farita

dum geedziĝfesto, tion diris al mi Volo, sed laŭ mia kompreno ne temis pri la geedziĝfesto de Volo. Mi ne scias kies geedziĝfesto estis.
Amike Nicole







# Propaganda sekcio

**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia Elsendo "The Feed"



"Manly Daily" la loka taga senpaga ĵurnalo, intervjuis Christine Holliss pri ŝia vojaĝo al Rejkjaviko kaj pri la Manlia Esperanto-klubo. Eble ili presos ĝin en venonta merkreda ĵurnalo?

## Vortoj de "Lernu"

KONDAMNI
1. Juĝe deklari iun kulpa kaj difini la meritan punon:
La juĝisto decidis kondamni min al monpuno.
Li estis kondamnita al morto.
Ili ricevis kondamnon pro murdo.
Mi povis aŭdi mian kondamnan verdikton.
La kondamnitoj staris kaj ridetis.
Nur la juĝo de Strasburo povis malkondamni ŝin.
Li estos mort(o)-kondamnita, se oni pruvos lian kulpon.
2. Jure deklari ion sufiĉa motivo, por ke la farinto estu leĝe punata:
Tiu libro estis kondamnita de ĉiuj legantoj.
Ĝi estis vere malbona kaj kondamninda.
3. Deklari iun malprava, ion riproĉinda:
Mi kondamnas terorismon.
Ne kondamnu alian, oni vin ne kondamnos.
Li ĉiam kondamnos sin, ke li lasis ŝin morti.





